I Jaro. IV Num. 1917 Aprilo.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



Infantería Kapitano JULIO MANGADA ROSENÖRN

Fondito kaj Sekretario de la Federacio «Zamenhof»

# Rememoro pri ekskurso

Antaŭ ne multaj jaroj mi vizitis Pompei' on. Multe mi ĝuis tiun tagon; mi rememoras ĝin kiel unu el la plej feliĉaj de mia vivo. La pentrinda pejzaĝo, la grandega kaj minaca monto, elĵetanta blankan larĝan fumadon kiu puŝata de la vento iris flugi super la maro, kaj sin trenante tra la monta deklivo ŝajnis kolharo de kureganta fantazia bestego, la antikva urboruino rememorigante rimarkindan pasintan popolon... ĉio emociis mian spiriton, ĉio parolis al mi pri natura grandeco kaj pri arto; pri homa grandeco samtempe. Ofte mi eĉ dubis pri la realeco de mia vojaĝo; mi pensis ke mi sonĝis kiam mi piedpremis la samajn trotuarojn kiujn piedpremis tiuj antikvaj inteligentaj kaj saĝaj homoj kies bela civilizacio estis detruita de terure barbara militeniro. Kiam mi trapasis stratojn; kiam mi eniris domojn (bedaŭrinde nur teretaĝoj restas); kiam mi rigardadis artajn kortojn kaj belajn ĉambrojn, mi pensis ke iu el la antikvaj loĝantoj vekiĝos el la eterna dormado kaj venos saluti min. Mi vidis, ja, kelkajn el la antikvaj loĝantoj, sed senmovaj kaj blankaj kvazaŭ statuoj, mortigitaj de la tertremo kaj de la varmega vulkana cindro. Kiom da sentoj, ambicioj, deziroj, iluzioj... tie estis, sed tie ne estas!... kiom da interparoladoj, gajaj ridoj, maldolĉaj ĝemoj, amaj sopiroj vibrigis tiujn murojn, kiuj nun estas majeste silentaj kaj obstine mutaj. Ha! mi ne povus priskribi ĉiujn sentojn kaj pensojn kiuj unu post la aliaj rapidege trapasis mian cerbon!

Mi rememoras ke ni iris kune multaj turistoj, kaj ke nia gvidisto estis devigata paroladi tri fojojn por klarigi ĉiun kuriozaĵon: fojon angle, alian germane kaj alian itale. Itale li paroladis por juna brazila kuracisto kaj por mi, ĉar ni ambaŭ estis la solaj kiuj komprenis tiun belan lingvon. Kia enuo! Kiom da tempo ni perdis!

Antaŭ ol reveni en Napoleson, ni, ĉiuj turistoj vespermanĝis apud stacidomo je dolĉa lumo de lastaj sunaj radioj. La brazila kuracisto kaj mi sidis kune kaj gaje interparolis. Li paroletis hispane, kaj mi penis paroleti portugale, sed ne malofte kaj ne vole ni miksis ĉi tiujn lingvojn kun la franca kaj la itala. La miksaĵo estis rimarkinda kaj ni ridis pri la kvazaŭ lingva mozaiko kiun ni faris. Tiam li diris al mi: «jam vi vidis, ĉi tiun vesperon nia klarigisto estis devigata paroli tri lingvojn. Ha! — mi respondis — se ĉiuj konus Esperanton oni ne perdus tempon kaj oni komprenus multe pli bone». Li silentis kaj pripensis, rigardante senmove la teleron kiu estis antaŭ li.

De tempo al tempo li mallaŭte diris: «Esperanto... Esperanto... kiu scias ĉu... eble.. eble...

*Rafael de San Millán*

---

# J. Amos Comenius (Komensky)

**(1599-1671)**

El «Labirinto de la mondo kaj paradizo de la koro»

(Ĉapitro XVII) *Profesio de soldatoj.*

*Homa krueleco.*—Tiam mi eniras en la lastan straton, kie jam sur la unua placo staras nemalmulte da homoj ruĝe vestitaj; al ili alpaŝinte mi aŭdas, ke ili intertraktas, kiel oni povus doni flugilojn al la morto, ke ĝi povu same de malproksime kiel de proksime en unu momento penetradi. Ankaŭ, kiel oni povus en unu horo disĵeti tion, kio estis dum multaj jaroj konstruata. Kaj mi ektimis pro tiuj paroloj; ĉar ĝis nun, kion mi ie vidis el la homaj faroj, ĉio estis traktado kaj laboro pri klerigado kaj plimultigado de la homoj kaj de komforto de la homa vivo: ĉi tiuj kontraŭe interkonsiliĝadis pri detruado de vivoj kaj de homaj komfortoj. La interpretisto respondis: «Ankaŭ la penado de ĉi tiuj celas la samon, sed laŭ iom alia vojo, precipe per forigo de tio, kio malhelpas. Pli malfrue vi tion komprenos».

*Arsenalo aŭ armilejo.*—...Dezirante vidi, kio estas en tiu kelo, mi tien eniras; kaj jen, tie

estis ĉiuflanke, ke oni eĉ la finon ne povis vidatingi, ankaŭ sur la tero, amasoj kiel la plej grandaj ŝtiparoj, tiel ke oni per multmiloj da veturiloj ne forportus ilin, da ĉiuspecaj teruraj iloj — por pikado, hakado, tranĉado, fendado, batado, ŝirado, bruligado, sume por senvivigado — iloj el fero, plumbo, ligno kaj ŝtono, tiel ke teruro min kaptis kaj mi diris: «Kontraŭ kiu sovaĝa besto tiaj preparoj?» «Kontraŭ la homoj», respondis al mi la interpretisto». «Ĉu kontraŭ la homoj?» mi rediras». Ho! kaj mi opiniis, ke kontraŭ iu sovaĝa, furioza kaj rabia bestaro. Sed pro Dio, kia krueleco, se homoj kontraŭ homoj elpensas ĉi tiajn terúraĵojn! — «Ĉu vi estas tiom trosentema?» li diras kaj ridas.

*Priskribo de la batalo.*—Subite iu ekfrapas



AKVOKONDUKO

tamburon, kaj eksonas trumpeto kaj fariĝas bruo kaj krio! Kaj jen, ĉiuj rektiĝinte kaj ekpreninte tranĉ-, hak- kaj pikarmilojn, kaj kion ĉiu havis, ili puŝas tion senkompate en sin reciproke, tiel ke sango ŝprucas, ili hakas kaj batas unuj la aliajn pli terure ol la plej furiozaj bestoj. Jen kreskas ĉiuflanke bruado, jen aŭdiĝas hufofrapado de ĉevaloj, frotsonado de kirasoj, tintado de glavoj, krakado de pafoj, siblado de la preter orel-oj flugantaj pafajoj kaj kugloj, trumpetado, tamburado, kriado de incitantoj al batalo, kriado de venkantoj, kriado de vunditoj kaj mortantoj; jen vidiĝas terura plumbohajlado; jen timiga fajrofulmado kaj aŭdiĝas tondrado, jen de tiu, jen de alia forflugas brako, kapo, kruro; jen unu trans la alia renversiĝas kaj ĉio en sango kunfluas. «Ho, ĉiopova Dio, kio okazas?» mi diras. «Ĉu estas la mondo pereonta?» Kaj apenaŭ re-

konsciiĝinte, mi de tiu loko foriĝis, neniel sciante, kiel kaj kien, kaj iomete respirinte, sed tutkorpe tremante, mi diris al mia interpretisto: «Sed kien vi enkondukis min?» Respondis la interpretisto: «Kia vi dorlotito! Tio signifas esti homo, havi la rajton atakmortigi». «Kaj kion do ili faris unuj al la alia?» mi diris. Li respondis: «La estroj malpaciĝis, sekve la afero estis reordigota». «Kaj, ĉu ili tiamaniere repaciĝas?» mi diras. Li respondis: «Kompreneble. Ĉar kiu decidus inter la moŝtoj, reĝoj kaj regnoj, kiuj ne havas super si juĝistojn?» Ili men devas tion inter si decidi per glavo. Kiu pli bone kontraŭ la alia per fero ekskermas kaj per fajro ekfumas, tiu valorigas sian volon». «Ho, barbareco! ho, brutaleco!» mi diris. «Ĉu ne ekzistus, aliaj vojoj por interpaciĝo? Al sovaĝaj bestoj, ne al homoj decas tiel paciĝadi».

El bohema lingvo
*Ed. Kühnl*

---

# DIO

**(Poezio el Aleksandro Herkulano)**

*(Tradukita de B. Martins d'Almeida, Bemaldo)*

Je la silentaj horoj, je noktmezo,
Vin, ho Dio, mi kantlaŭdos!
Kaj la bruantaj maroj, kaj la Tero,
Kaj l'Infero eĉ min aŭdos.
Tra la ĉiela regn' la kanto sonu;
La arĝenta luno brila
En sia turno haltu, dum al Dio
Harpon ludos mi humila.

Ankoraŭ ne ekzistis Tempo, tamen
Eternec' senfina estis;
La dian grandegecon la senviva
Solegeco nur atestis.
Sed Li ekzistis, sed Li ekzistadis,
Kaj krom Li nur la Nenio.
La homan vivon gardis Li ankoraŭ
Envolvitan en embrio;
Ankoraŭ de la Mond' la fundamentojn
Kaŝis Li en sia menso:
Kaj la brilantaj astroj ne moviĝis
En la vasta spaca denso.

Jen Universo, Tempo kaj Movado
Ŝprucas el kreestra koro;
Eklumas Suno super Ter' senhoma
Kaj burĝonas unu floro.
Sur nevidebla aks' la glob' turniras;
Ekaŭdiĝas ventblovado,
La maroj ekbruegas, kaj ekvivas
La naturo en kreskado.

Ho Dio! kiu inde kaj kapable
Kante laŭdos vian povon?
Ho! kiu kantos la misteran forton
Kiu kreis vivon, movon,
Kaj kiu donis nin la mirindaĵojn,
La glaciigitajn montojn
Kaj kiu en la plej profundajn valojn
Enfluigis riverfontojn?!

Mi kie estis kiam l'Eternulo
Per potenca dia Vorto
La ekvilibron en la Spaco kreis
De la Universa Forto?
Mi kie do ekzistis? En genezo
De l'estontaj kreituloj—
En la spirito dia.—Lin mi laŭdu
Sur la ĉiuj teranguloj!

---

# ESTAS NEEBLE...

Dum la XVI[a] jarcento la *Sorbonne* deklaris ke estis absurdo, de la filozofa vidpunkto, akcepti la movon de nia planedo. Tiame, Galileo publikigis sian teorion pri la movo de la Tero ĉirkaŭ la Suno, kaj pro tiu teorio la Roma Inkvizicio malliberigis lin.

Dum la XVII[a] jarcento, la Rega Societo de Anglujo rifuzis raporton de Franklin pri «la propeco de metalaj bastonetoj, kiuj altiras la atmosferan elektron». Iom poste Franklin elpensis la fulmevitilon.

La samtempuloj de Galvani finomis lin *ran' dancisto*, tial ke li uzis tiujn bestetojn por siaj eksperimentoj, el kiuj li konkludis novan teorion pri elektro.

Filipo Lebon, kiu eltrovis en 1797[a] la lum-

igan gason, klopodis obstinege komprenigi al siaj samtempuloj, ke lampo sen meĉo povis lumi.

Same okazis al Fulton, elpensinto de la vaporŝipoj, Napoleono Bonaparte mem, ĉe-estinte aron da malsukcesaj pruvoj, ne volis aŭdi plu pri la *amerika intriganto*.

Kiam la unuaj eksperimentoj pri la fervojoj, iaj scienculoj diris: «neniam la lokomotivoj, pro sia multpezo, povos antaŭeniri, kaj la radoj glitos sur la reloj». Chateaubriand skribis: «min ne ravas la vaporŝipoj, nek la fervojoj; tio ne estas civilizado». Kaj Thiers diris: «Mi konsentas ke la fervojoj iomete faciligas la vojaĝojn, se oni limigas ilian uzadon al tre mallongaj vojoj ĉe la



SANTA CRUZ

ĉirkaŭaĵoj de urbegoj... sed la grandaj fervojoj ne estas necesaj». Pri la telefono kaj la submaraj kabloj ankaŭ oni diris ke ili estis neeblaj.

Kiam oni pruvis unuafoje la fonografon ĉe la Scienca Akademio de Parizo, diris akademiano Bouillard: «ĉu vi opinias ke mi permesos al ventroparolanto, ke li moku nin?» kaj li skribis: «Estas nesupozebla ke malinda metalo povas imiti la noblan sonon de l'homa voĉo».

Pri l'aviado diris astronomiisto Lalande: «Estas tute pruvita ke homo ne povas sin levi aŭ resti en la aero, ĉu per artefaritaj flugiloj, ĉu per sistemo alia. Homo estas farita por la tero kaj flugiluloj por la' atmosfero. Do, respektu ni la naturajn leĝojn».

Fine. La liberigon de la sklavoj oni juĝis kiel absurdon kaj por eviti ĝiajn malbonaĵojn oni militadis en Usono tre sangverŝe. Al la apostolado de la franco Henriko Durant, ni ŝuldas la kreon de la Ruĝa Kruco, sed li suferis multajn ĉagrenojn ĉar oni kredis neeble la realigon de lia ideo. Kaj nune oni mokas feministojn, kaj, *ankoraŭ!* iuj kredas ke estas utopio la starigon de artefarita internacia lingvo, nune, kiam la *Court of Common Council* de Londono adresis al Komerca Angla Ministro la decidon akceptita la 20an lastan julion pri la elekto de komuna internacia lingvo por la komerco, kaj ke tiu lingvo povas esti angla, franca, rusa aŭ ESPERANTA.

.........................................

Kiam mi aŭdas diri al vantuloj kaj malsaĝaj scienculoj ke ĉiam estos militoj tial ke ili ĉiam estis; ke ĉe la naturo ĉiuj plantoj kaj bestoj batalas por sia ekzistado, kaj sekve ke ni ĉiam mortigos unuj la aliajn kaj neniam forlasos buĉadon kaj rabon dum la militado; kiam mi aŭdas ke milito signifas progreson, ke ĉiama paco, dum kiu oni batalos nur per la spirito kaj pro la justeco, *estas neebla*, ĉar tio estus neniigo de la homaro; kiam mi aŭdas diri ke tio estas utopio kaj ke la pac' amantoj estas frenezuloj (kiel ankaŭ oni nomis al Kolombo, tial ke li volis trovi limon al oceano), tiam mi memoras la cititajn ekzemplojn kaj diras al mia plumo:

Kiel mokos pri la argumentoj favoraj je la milito la venontoj!

*F. Redondo*

---

# La ordonoj pri la higieno

Estas dek, nome:

La unua, ami la naturon super ĉiuj aĵoj.

La dua, ne perdi vane ĝian puran medion.

La tria, higienigi la festojn.

La kvara, honori Sunon kaj Teron.

La kvina, ne mortigi la fortojn (per tabako, alkoholo, narkotikoj, k. t. p.).

La sesa, ne geedziĝi malsane.

La sepa, ne ŝteli al la nutraĵoj ilian naturan purecon.

La oka, ne mensogi purecon per ŝajna lukso.

La naŭa, ne fari nedecan seksan unuiĝon.

La deka, ne deziri aliajn terajn bienojn ol libera *Aero*, klara *Akvo*, pura *Nutraĵo;* sana *Amo*, kaj utila *Agemeco*.

Tiujn dek ordonojn oni resumas je du; sekvi kaj ami plej liberan vivon kiel eble, kaj ne malhelpi al aliulo fari la samon.

---

# SEGOVIA

Kuŝas la urbo sur vastega roko, ĉe la bordo de la rivero *Eresma*, proksima je la montaro *Guadarrama*, je 998 metroj super la mara nivelo, kun 15.000 loĝantoj proksimume. Ĉirkaŭata de antikvaj remparoj kaj de antaŭurboj. La rivero Eresma fluas norde tra la bela valo arboplena *Alameda*.

Ĉi tiu urbo estis unu el ĉefaj urboj de la *arevacos*, gento el primitivaj hispanaj loĝantoj, kaj decidis siajn pledojn en *Clunia*. Dum la militoj kontraŭ la romanoj, ĝi ludis gravan rolon, kaj ĉe ĝi okazis terura batalo kontraŭ la militistaroj de *Metelo* kaj *Pompeyo*. Ankoraŭ *Segovia* konservas iujn romanajn skribaĵojn kaj oni konstatis, ke ĝi fabrikis sian moneron specialan; sed la ĉefa memoraĵo de tiu epoko estas la Akvokonduko, kiu estas unu el plej gravaj hispanaj monumentoj. Ankaŭ oni konservas, en la monaĥejo *Dominicas*, groteskan bildon reprezentantan Herkuleson vundantan, per lia sago, apron de *Erimanto*, kies kapon premas la maldekstra piedo de la dio; iujn skulptaĵojn ŝtonaj, kiuj reprezentas porkojn kaj taŭrojn el tiuj nomataj *de Guisando*, kaj tombejon, ĉar ĉi tio estas parto de la remparo, sur kiu oni rimarkas epitafojn, same kiel sur la remparoj de *Avila*.

Malmultaj sciigoj de la araba epoko estas pri ĉi tiu urbo. *Alfonso I*a almilitis ĝin, sed iom poste la araboj realmilitis ĝin, je la

VIII.ª jarcento; la filo de *Alfonso I.ª* realmilitas kaj fortikigas ĝin, sed la fama araba militestro *Almanzor* de nove ĝin almilitas. Tamen, en ĝi logis kristanoj praktikantaj sian kulton dank' al toleremeco de l'venkinto.

Jarojn antaŭ almiliti *Toledo'n*, *Segovia* estis definitive kristana, sed kiam vere ekprogresis estis je 1088, ĉar tiam trankvile la segovianoj povis sin dediĉi rekonstrui la urbon kvankam alkuris almiliti *Cuenca'n* kaj *Madrid'n*. Je 1114, dum fratmortiganta revolucio, oni mortigis la faman *Alvar Yañez*, kaj je tiu ĉi dato proksimume oni fondis la episkopecon. Multajn laŭdojn kaj honorojn gajnis la segovianoj, komanditaj de



PALACO-FORTIKAĴO.—ORIENTA FASADO

*Gutierre Armildez*, *Rodrigo Gonzalez*, *Rodrigo Fernandez* kaj *Munio Alfonso*, batalante kontraŭ la araboj.

En *Alarcos*, venkintaj araboj, mortigis episkopon de Segovia *Don Gutierre Girón*. En *Navas de Tolosa*, la segovianoj, komanditaj de la Reĝo de *Navarra*, estis la unuaj kiuj eniris en la tendaro de la araba reĝo, kaj je la sekvanta jaro la araboj venkis ilin terure. Je 1256 okazis en ĉi tiu urbo kunveno de deputatoj.

Dum la infaneco de *Alfonso XI.ª*, ankaŭ okazis fratmortigantaj bataloj, ĉar estis du partioj en la urbo. Partianoj de *Don Felipe*, onklo de la reĝo, malfermis pordojn de la urbo al li kaj nur la fortikaĵo kontraŭstaris al atako. La estro de la fortikaĵo, *Garcilaso de la Vega*, donis la komandon al sia filo *Pedro*, sed ĉi tiu diboĉis kaj fariĝis tirano kaj tial kamparanoj ribelis kaj invadis *Segovia'n* detruante, mortigante *Garci Gonzalez'n* kaj ĉiujn kunulojn liajn, kaj bruligante turon de la preĝejo *San Martín*. En la palac'fortikaĵo loĝis *Don Pedro el Cruel* kun sia

frato *Don Sancho* dum la infaneco. Segovianoj sin deklaris partianoj de *Don Enrique*, kaj kvankam *Don Pedro* venkis tiun en *Nájera*, segovianoj restis fidelaj je *Don Enrique*. *Juan I.ª* kunvenigis deputatojn dum tri monatoj en ĉi tiu urbo, en kiu loĝis *Enrique III.ª* kaj naskiĝis lia filino *Doña María*, kiu poste estis reĝino de *Aragón*. Ankaŭ en ĉi tiu urbo oni reĝigis *Don Juan II.an*, kiu ankaŭ loĝis en la palac' fortikaĵo kun sia unuenaskito.



PALACO-FORTIKAĴO

Dum regado de *Enrique IV.ª* okazis festoj pro naskiĝo de *Doña Juana la Beltraneja*, konspiroj kaj ribeladoj kontraŭ la monarĥo, favoraj je la reĝidoj *Don Alfonso* kaj *Doña Isabel*, komanditaj la ribelantoj de *Pedro Arias* kaj la episkopo *Don Juan*. La reĝo punis la estrojn de la ribelantoj post morto de la reĝido *Don Alfonso* kaj nomis guvernestro *Don Andrés de Cabrera'n*, kiu estis devigata batali kontraŭ la ribelantoj, sangverŝante stratojn de la urbo, kaj devigante forkuri al *Markizo de Villena*. En *Segovia* estis la reĝidino *Isabel* kiam oni proklamis ŝin reĝino pro morto de ŝia frato, la reĝo.

Je la komenco de la XVI.ª jarcento, *Don Andrés de Cabrera* ribelis kontraŭ la katolika Reĝo, tial ke ĉi tiu eksigis lin el regado de la urbo; sed *Don Andrés* kaj siaj partianoj venkis kaj okupis la palac'fortikaĵon. Dum ĉi tiu ribelado brulis la turo de *San Román.*

Je 1520, la segovianoj sin decidis defendi la liberecojn de Kastilujo, kaj entuziasme, kuraĝe, heroe kaj lerte batalis kontraŭ *Carlos I.ª*. Oni povas konstati, ke la plej granda honoro de Segovia estas *Juan Bravo*, unu el tri famaj estroj kiujn oni senkapigis en *Villalar*. *Juan Bravo* naskiĝis en Segovia, el tre nobela familio kaj kiam oni sciigis al li sentencon, kiu kondamnis lin kaj liajn du kunulojn *Padilla* kaj *Maldonado* pro perfido, li kuraĝe ekkriis: «Ci mensogas kaj mensogas tiu, kiu ordonis al vi tion diri: ni ne estis perfiduloj, kontraŭe, ni entuziasme militis por defendi regnajn liberecojn kaj atingi feliĉecon de la popolo». Jam sur la eŝafodo, antaŭeniranta kaj montranta *Padilla'n*, li diris al la ekzekutisto: «Mortigu min unue, ke mi ne vidu morti la plibona kavaliro kiun havas Kastilujo».



PORDO SAN ANDRES

De ĉi tiu epoko la plej rimarkindaj okaz-

intaĵoj estas: malliberigo de *Montigny* (1566); edziĝfestoj de *Felipe II.ª* kun *Doña Ana de Austria* (1570); restado en la urbo de *Felipe III.ª* je 1600; malliberigo de *Markizo de Ayamonte*, kiun oni senkapigis publike (1645), kaj la fondo de la Artileria Akademio je 1764.

Ĉirkaŭas *Segovia'n* remparo je 9'473 metroj alta kaj 2'507 larĝa, kun 86 turoj malsimilaj kaj kvar fortikaĵoj, kiuj estas: la Palac'fortikaĵo, *Casa del Sol*, *Casa de los Picos* kaj *Casa de Segovia*, apud loko kiu staris *Pordo de San Juan*, kie la remparo estas pli alta kaj masiva. La remparo havas tri pordojn kaj unu pordeton, nomataj respektive *San Andrés*, sude; *San Cebrián*, norde; *Santiago*, nordoriente, kaj *Santa Columba*.

Multenombregaj estas la konstruaĵoj rimarkindaj, sed precipe 122 havas artan meriton; katedralo kaj dekkvar preĝejoj; ok monaĥejoj, el kiuj oni renversis du kaj utiligas aliajn por urbaj servoj; kvar hospitaloj, el kiuj nur utiligas por tiu ĉi servo tiu de la *Misericordia*, sed oni daŭrigas kulton en la Kapeloj de aliaj du; multenombraj domfortikaĵoj antikvaj kaj palacoj.

Ekster la remparo estas antaŭurboj kun naŭ preĝejoj en kiuj oni praktikas kulton, ses ruinigitaj eĉ unu de monaĥejo; kun dekkvar monaĥejoj, kvar kun monaĥoj, unu fermita, sep utiligitaj por diversaj servoj kaj unu ruinigita; kun kvin kapeloj, unu el ili ruinigita, kaj kelkaj ermitejoj, du el ili ruinigitaj.

Laŭ la plej fidindaj fundamentoj historiaj la Akvokonduko, la plej rimarkinda segovia monumento, estas tiel antikva kiel la kristanismo.

Oni atribuas al *Herkuleso*, al *Pirro*, greka princo, al keltoj kaj al romanoj je la komenco de la invado, konstruadon de tiu ĉi miriganta konstruaĵo. Sed historiistoj kaj artistoj tre prave opinias ke ĝi estas romana konstruaĵo kaj tre primitiva pro ĝia simpleco kaj severeco. Oni opinias ke estis *Trajano*, kiu naskiĝis en la provinco, kiu ordonis ĝin konstrui; ankaŭ, ke estis *Gordiano III.ª*, kaj oni pravigas ĉi tiun opinion per monero ĵus eltrovita en niĉo el tiuj ekzistantaj en la loko sur kiu estis skribaĵo; ankaŭ, ke estis la urbanoj mem kiuj pagis la konstruaĵon; eĉ la legendo atribuas la konstruadon al Satano.

La konstruaĵo komenciĝas je dekses kilometroj, konsistanta el tranĉajoj kaj galerioj ĉe la roko, kaj akvohaltigaj muroj, ĝis la kanalo tra kiu la akvo fluas tiel, ke estas lokoj kie ŝajnas ne flui aŭ flui supren. La tempo farigis belajn konstruaĵojn artajn kvazaŭ naturaj. La arkadaro komenciĝas kontraŭ la monaĥejo *San Gabriel*; ses unuaj arkoj ŝajnas enterigitaj, ĉar ili apenaŭ aperas sur la tero, kaj post angulo, direktiĝas nordorienten 25 arkojn ĝis la monaĥejo *Concepción*. De la dekdua arko estas 36, iomete ogivaj, kiujn oni rekonstruis dum regado de *Isabel la Católica*. Aliajn 44 direktiĝas de Oriento Okcidenten, ĝis angulo kontraŭ preĝejo *San Francisco*, kuraĝa direktŝanĝo direktanta la konstruaĵon grandiozan norden. Oni kalkulas ĝis pordeto *Consuelo* du serioj je 43 arkoj, ju pli granda estas la deklivo, des pli altaj estas pilastroj de subaj arkoj. Sur la tri pli altaj arkoj kuŝas tri vicoj de laboritaj ŝtonoj, sur kiuj estis skribaĵo; kaj en la centra pilastro, kie estis la bildo de Herkuleso, hodiaŭ estas tiu de la Virgulino okcidente, kaj tiu de *San Sebastián* oriente. Kontraŭ la preĝejo *San Sebastián*, en la remparo, interne, oni konservas aliajn kvar arkojn kaj malaperis kvin. La Akvokondukon formas 170 arkoj.

Ĉe placo *Azoguejo* ĝi estas alta je 28 metroj. Oni konstruis pilastrojn el grandaj rektangulaj ŝtonoj granitaj, kiujn nigrigis la tempo, pioĉe laboritaj, kiuj prezentas malgrandajn kavaĵojn, kiuj, oni supozas, estis farataj por transporti kaj levi ilin per primitivaj maŝinoj, kaj nur prezentas malgrandan kornicon je diversaj altecoj kvazaŭ ornamaĵo. Nenia mortero ligas grandajn ŝtonojn kiuj kuŝas nur unu sur la alia.

Ĉiam kaj de ĉie vidigas ĉi tiu ponto grandioza belegajn perspektivojn. La nombro da grandaj ŝtonoj rektangulaj estas pli ol 25.000; la volumeno, 200.000 kubajn piedojn;

kaj la pezo, 12.000.000 da kilogramoj. La grandaj rektangulaj ŝtonoj subaj suferas premadon je 9'5 kilogramoj po kvadrata centimetro.

*(Daŭrigota)*

*J. Mangada Rosenörn*

# La patrujo de la ciganoj

IV

La plimulto opinias ke la ciganoj devenas de Egiptujo, kaj tio estas bedaŭrinda eraro.



«EL PARRAL»

Certe, la cigano povas esti egiptano aŭ hispano pro sia naskiĝo; sed, kiel nomi propre egiptano aŭ hispano tiun, kiu apartenas al aparta gento el tiu de la landanoj inter kiuj ĝi naskiĝis? Ĉu individuo apartenanta al eŭropa gento povas esti hindo tial ke li naskiĝis aŭ loĝadis en Hindujo?

La cigano apartenas al semida gento kaj tial ĝi nur povas esti hindo.

Ĝia flava vizaĝo, ĝiaj graciaj formoj, ĝiaj esprimaj agoj, ĝia granda sprito kaj ĝia karaktero eminente materiema kaj pozitivema, pruvas tian aserton kaj elmontras la perfektan aron da primitivaj kvalitoj de la gento de l'*Zind*, el kiu ankoraŭ ekzistas en la vastega regiono de Hindujo, kaj speciale ĉe la riverbordoj de l'*Zind*, iuj restaĵoj tute puraj apartenantaj al la cigana gento; restaĵoj, kiuj, same kiel la ciganoj, havas tre malprecizajn ideojn pri natura religio, ne havas kulton kaj kies moralo estas la plej absoluta materialismo.

Aliparte, la franca misiisto Dubois, kiu loĝis en Hindujo dum tridek jaroj sinsekvaj, certigas ke la cigano devenas de tie.

Inter aliaj gravaj aĵoj, li rakontas al ni, ke en la okcidenta parto, en la riverbordoj de l'*Zind*, marbordo de l'*Malabar* kaj distrikto de l'*Maisur*, li trovis vagantan genton konsistantan el *curumerus*, *canochis*, *calabrantus*, k. c., sen leĝo, kulto, loĝejo nek propraĵoj; dediĉitaj ŝteli kaj antaŭdiri la sorton per lingvo malsimila je la komuna lingvo de Hindujo; ke tiu gento estis aparta raso je la ceteraj rasoj el tiu lando kaj tre simila je tiu kiu aperis en Eŭropo je la ko-

menco de la XVa jarcento, t. e., la ciganoj.

Alia pruvo pri la hinda deveno de la ciganoj estas la sciigoj kiujn la kapitano Szekeley publikigis je 1763 en la *Gazeto* de Vieno.

Szekeley diras, ke kiam la protestanta predikanto Esteban Vali faris siajn superajn studojn en la Universitato de Leidan, li konis tie junulojn de l'*Malabar*, kiuj monhelpitaj de sia registaro, ankaŭ studis tie, kaj pri kies lingvo tiu pastro rimarkis ion, kio rememorigis lin pri la lingvo kiun parolis ciganoj loĝantaj en lia naskiĝurbo *(Almasch)*, kaj tial li sciigis al la *malabaranoj* sian observadon. Ĉi tiuj diris al li, ke apud ilia provinco estis distrikto nomata *Zigania*, nomo tre simila je tiu de *Zigneur*, per kiu la germanoj nomas la ciganon.

Tiam la pastro Vali pensis konstati ĉu la ciganoj de lia naskiĝurbo havis ian gentan rilaton kun la *Ziganianoj*, kaj petis al siaj kunlernantoj aron da hindaj vortoj por prave konstati tian gentan rilaton. La malabaranoj diktis al li mil vortojn hindajn proksimume kun ĝiaj signifoj, kaj per tiu helpilo pastro Vali atingis interparoli facile kun la ciganoj.

Sed ankoraŭ plu: *Ludolf, Richardson, Grellman, Marsden* kaj aliaj spertaj lingvistoj, pruvas sufiĉe, per siaj gramatikoj pri hinda lingvo, la perfektan similecon, kiun havis la cigana lingvo, je iuj el la dekok dialektoj, kiujn oni parolas en Hindujo.

Oni konkludas, ke se ĉi tiuj hindoj alvenintaj al Eŭropo akceptis esti nomataj ciganoj ili havis fundamentojn por tion akcepti.

Rimarku kial:

Oni scias, ke la bando el ciganoj, kiu alvenis al Bolonia je 1422 kaj al Parizo je 1427 sin kvalifikis kristanoj de la suba Egiptujo, kiuj pentofaris vagadi tra la mondo dum sep jaroj.

Gento, tiel speciala kiel stranga, ĉirkaŭita de teruriga mizero kaj protektita samtempe de la simpatia titolo *pentofaranto*, altiris sur sin ĝeneralan kompatemon de la landoj, kiujn ĝi vizitis, kaj speciale tiun de la kristanaj landoj, kiuj ĉiam malavare helpis ĝin.

La cigano de frizita hararo kaj malbela vizaĝo, kaj la hindo de flava vizaĝo kaj malfortika hararo, nepre renkontis unu la alian dum ili trairis Eŭropon.

Kaj kion konkludi pri ĉi tiuj faktoj? Oni konkludas, ke se la filoj de Hindujo ne estis instruataj de tiuj de la suba Egiptujo por ekspluati publikan bonfaremon per la titolo *kristanaj pentofarantoj*, tiuj sin inspiris je ilia konduto; kaj ke la popoloj konfuzis ilin, kaj en ĉi tiu okazo, la unuaj akceptis ĝojege almozojn kaj rimedojn de la bonfaremo, pensante samtempe: «Donu al mi panon kaj nomu min cigano».

Alimaniere oni ne povas klarigi rezone kiel tiu gento povis sin nomi kristanoj kaj samlandanoj de Jesuo, tial ke ili sciis pri Jesuo kaj nia religio same kiel la indiĝenoj de Ameriko antaŭ ol Colon eltrovis ĉi tiun kontinenton.

Estas certe, ke ne ĉie oni kredis ilin, ĉar dum en Grekujo, Anglujo kaj Hispanujo, oni nomis ilin ciganoj, en Hungarujo oni nomis ilin *faraohnepk*, tio estas, ido de la lando de Faraono; en Germanujo, *zigneur*, t. e., origina je *Zigania;* kaj en aliaj landoj, kiel en Portugalujo *Zingaro*, nomoj ĉiuj perfekte alproprigitaj al la vera karaktero kaj vivmaniero de tiu gento.



# Kion diras la mano?

La mano klarigas al ni multajn misterojn pri nia karaktero.

Ĉiuj scias, ke la cerbo estas la centro de la intelekta vivo. De ĝi iras sentaj nervoj kaj motoraj nervoj kiuj disiĝas tra la trunko kaj ekstremaĵoj por porti ordonojn al la volo. Ĉiuj ĉi tiuj movoj reflektiĝas ŝajne en magnetikaj polusoj, kiel la elektrikaj fadenoj kuniĝas en elektropilo. La mano estas loko en kiu la movoj reflektiĝas.

La rilato inter la cerbo kaj la mano estas

tiel intima, ke ĝi faras tion kio ĝermas en la cerbo.

La cerbo pensas kaj la mano rapide skribas ĝian penson.

Tial la mano formiĝas laŭ influo de la penso, kaj ĝiaj sulkoj kaj linioj povas elmontri al ni la misterojn de la karaktero.

Delikata kaj blanka, je perfekta formo, povas esti mano de diboĉulo aŭ de apatiulo. Sed la formo ne estas ĉio: estas necese studi la karakteron; ĝi diras al ni ŝanĝojn de sorto kaj de situacio. Mano povas antaŭdiri al ni, per sia humila formo, devenon; per sia gesto, kuraĝan karakteron kaj bonan koron.

Estas necese, do, studi paralele liniojn, formon, volumenon, koloron, aknetojn kaj makulojn de la haŭto, longecon de la fingroj, ostartikojn de la fingroj, ungojn k. c.

Mano estos bela kiam ĝi estos longa, kaj siaj ampleksoj proporciaj. Tro mallonga rilate aliaj partoj de la korpo denuncas malbonan karakteron; tro longa, diras, ke la in-



INTERNAĴO DE «EL PARRAL»

dividuo estas monomania kaj malbonkora.

Laŭ la spertado de fakiro, kiam manplato estas longa kaj mallongaj la fingroj, la mano apartenas al mallaboremulo kaj malseriozulo, dika mano diras longan vivon; maldika, mallongan vivon; longaj kaj palaj, teruran egoismon; mallongaj kaj maldikaj, avarecon kaj malvirtecon; fingroj, kies ampleksoj estas proporciaj, diras bonan naturon; malgrandaj kaj maldikaj, frenezecon; tre apartigitaj, frivolecon, maldiskretecon, egoismon kaj scivolemon; rozkoloraj ungoj parolas al ni pri konstanta kaj firma karaktero; flavaj, pri rabemo; akraj kaj kurbigitaj, pri malboneco; nigraj, palaj kaj rondaj, pri diboĉo; blankaj makuletoj de la ungoj estas signoj parolantaj al ni pri nervemo; nigraj makuletoj montras malbonan sangfluadon; mallongaj kaj malmolaj ungoj diras koleron kaj kruelecon.

La formo de la fingroj ankaŭ difinas rasan tipon. Oni dividas ilin laŭ kvar klasoj: kvadrataj fingroj, akraj fingroj, platáj fingroj kaj konusaj fingroj. Ĉi tiu klasigo ankaŭ difinas manon:

Tiu, kiu havas kvadratan manon, estas fi-

lozofa, metodema, praktikema, lerta, justa kaj serioza.

Tiu, kies mano estas akra, estas impulsema, malbone preparita por la vivbataloj; revantoj artistoj kaj kortuŝemuloj havas tiajn manojn, sed ili ne havas praktikan koncepton de la vivo.

Tiu, kiu havas platan manon, apartenas al instintaj estaĵoj, kiuj ne konas la rezonadon; ĝi havas troan konfidon je sia propra merito, fiera kaj vanta ĝi estas. Plataj manoj estas manoj de metiistoj ne de artistoj.

*Fakiro*

# Respektu la arbon

Sur iuj arboj el aleoj kaj ĝardenoj de Lisabono kaj Figueira da Foz estas almetita skribaĵon kiun devas koni ĉiuj; ĝi diras:

«*Al la pasaĝero:* Vi, trairanto, kiu levas vian brakon kontraŭ mi, antaŭ ol suferigi min, aŭskultu:

Mi varmigas vian hejmon dum la teruraj noktoj de la vintro; mi estas la amika ombro, kiun vi trovas dum via piedirado sub la brulanta suno de la somero; miaj fruktoj satigas vian soifon tra la vojoj.

Mi estas la ŝirmanta kaj amika trabaĵo de via hejmo; el mi oni fabrikis vian manĝotablon, vian liton, sur kiu vi ripozas, kaj el mi elhakis la lignon de via ŝipo.

Mi estas la tenilo de via pioĉo, la pordo de via domo, la ligno de via lulilo kaj de via ĉerko.

Mi estas kvazaŭ pano de boneco kaj floro de beleco.

Vi, trairanto, aŭskultu min bone, kaj... ne faru al mi malbonaĵon».

# Esperanta movado

*Madrid.*—Lernantoj de la *Asociación Amigos de la Enseñanza*, skulptis bonege bustojn de Cervantes kaj de D-ro Zamenhof, bustoj kiuj okupas honoran lokon en la ĉefa salono de la societo. Ĉi tio elmontras entuziasmon por Esperanto kaj samtempe por nia glora verkisto.

*Sabadell.*—Ĉe «Aplech Esperanta Grupo» la kvaran de Marto, Dimanĉo, okazis grava esperanta festo por propagando. Oni malfermis kurson por geinfanoj, kiu okazos ĉiudimanĉe posttagmeze. La festo estis tre solena ĉar ĉeestis multaj geesperantistoj kaj faris paroladojn la Prezidanto S-ro Vilardell kaj S-roj Escapa, Lobré kaj Olivé. Multaj geinfanoj ĉeestas la kurson.

—

*Ballanás.*—S-ro Sidonio Pintado, sperta instruisto kaj ĵurnalisto klarigas esperantan kurson ĉi tie kaj baldaŭ fondos Grupon.

—

**Sendu al ni esperantajn sciigojn**

—

Ĉiu, kiu abonos ĉi tiun revuon rajtas ricevi senpage broŝurojn «Pri Cervantes kaj lia famkonata verko El Quijote» kaj «Tri rakontoj kaj kelkaj versaĵoj». Abonantoj ricevos la broŝurojn.

Ankaŭ rajtas abonantoj po peseto kaj duono ricevi afrankite kaj rekomendite Esperantan Gramatikon kaj «Praktika Temŝlosilo por ĉiuj landoj» de Julio Mangada Rosenörn.

Aliajn eldonotaĵojn ricevus senpage abonantoj se ni sukcesus.

# Zamenhofa Federacio

**Listo de membroj kaj abonantoj de Hispana Esperantisto**

86.—Emilio G. Linera. Pasaje Comercio, 8.
87.—Tomás Fiat. Corredera Baja, 1.
88.—Adolfo Soldevilla. San Cristobal, 62. *Tarrasa* (Barcelona).
89.—Jacinto Figueras. Calle Nueva.

90.—Antonio Morera. Colegio, 75.
91.—Joaquín F. Serra. Internado San Antonio. *Teruel.*
92.—Rafael Fiol. Vergara, 9. *Sevilla.*
93.—Bohumil Pokorny. Lepanto, 12.
94.—Andrés Castro. Feria, 27.
95.—Anlonio Sáenz. Sierpes, 13.
96.—José Cervantes. Hospital Central.
97.—José Moreno. Parque de Intendencia.
98.—Policarpo Alonso. Intendencia Militar.
99.—Antonio Rodríguez. Procurador, 12.
100.—Ignacio Auñón. Santa Ana, 29.
101.—Emilio Ruiz Tatay. San Lorenzo, 3, *Madrid.*
102.—Grupo Esperantista Frateco. Plaza Pí y Margall, 14. *Vendrell.*
103.—Sara Díaz. Barbieri, 6. *Madrid.*
104.—José Rodríguez Sánchez de Medina. Paz, 7.
105.—Alfonso de Gabriel. Francisco Abril, número 11.
106.—Luis Maynar. León, 26.



FUENCISLA

107.—Lorenzo Norzagaray. Viriato, 9.
108.—Angel Ortiz. Florida, 14.
109.—Antero González. Ferraz, 80.
110.—Manuel Anta. Augusto, 23. *Nerva* (Huelva).
111.—Victor Balaguer. D. Jaime I, 50. *Zaragoza.*
112.—Nicomedes Ullar. Salud, 122. *Sabadell* (Barcelona).
113.—Antonio Torner. Covadonga, 23.
114.—Pedro Casanovas. Vía Marragner, 36.
115.—Pedro Piñol. Amalia, 16. *Barcelona.*
116.—Enrique Vagné. Papiu, 4.

## LISTO DE ABONANTOJ

1.—Grupo Esperantista Frateco. Luna, 9. *Zaragoza.*
2.—Aplech Esperanta Grupo. Vía Marraguer, 55. *Sabadell.*
3.—Manuel Prat. Fábrica de Curtidos. *Bañolas* (Gerona).
4.—Grupo Esperantista de Baracaldo (Vizcaya).

*(Daŭrigota)*

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid